AktivAmeriko

UEA-Komisiono por Ameriko

http://www.ameriko.org

Novaĵletero N-ro 10, julio 2003

***Karaj Legantoj,***

*Jen la unua AktivAmeriko sub mia redaktoreco. Por mi estas honoro servi la Movadon el tiel elstara loko kaj en tiom gravaj cirkonstancoj, kaj movadaj kaj mondaj.*

*Mi esperas ke vi trovos jen interesajn, jen utilajn, jen inspiran la sekvajn liniojn. Raportu pri via agado, pri viaj planoj. La Movado estas ĉiu el ni kaj la ĉiu sablero estas necesa por la konstruaĵo.*

*Ĉiam antaŭen!*

*La Redaktoro*

**Forpaso de ges-roj Ledon**

## Ni ne forgesos ilin!

**Adonis Saliba (Brazilo)**

Niaj karaj geLedon ĵus foriris el nia Esperanta medio kaj el tiu ĉi mondo. Ni ne povas taksi la grandan perdon por nia Movado.

Gilbert tre kompetente, zorge, eksplode kaj diligente provizis nin, dum jaroj, ne nur kun sia treege bonkoraj donacaĵoj por antaŭenpuŝo de nia Movado, sed ĉefe kun siaj avangardaj ideoj pri la Movado kaj pri nia mondo en sia realisma vidmaniero. Gilbert multe kontribuis literature kaj opinie al la nuna monda situacio, kiel pruvas la senfina serio de liaj rubrikoj en revuo Monato. Li ĉiam komentis kaj priokupiĝis pri la necesa evoluo de homracio kaj homnaturo. Akre kaj funde senteme, li ĉiam defendis la subpremitojn kontraŭ la povopremantoj. Senvenka batalo por la nuna mondo, li estis voĉo por multaj mutigitaj socioj kaj situacioj. Ĉiam racie, li elvokis komunuze la plej bonkvalitajn vojojn por iel praktikigi Esperantan mondon, laŭ lia vidpunkto de nia Movado. Lia praktikviva literaturo en nia lingvo montras lian vervon en 13 eldonoj de teknikaj libroj. Li ĵus lanĉis "Aviada Terminaro" (2002), kiu estas nepra bezonaĵo por konvinki la mondon de aviado pri nia lingva kapableco en internacia lingvo. Kiu fakte motivigis Ledon fari tiun atlasan laboron estis la konstanta perdo de vivoj pro lingvaj miskomunikadoj dum flugoj kiuj kaŭzas multajn terurajn akcidentojn ĉiujare.

Symilde, ho mia kara, kia grandskala kaj mondvasta formiklaboro! Ĉiam flanke de sia edzo, eĉ dum ilia domaĝa forpaso en akcidento, ŝi estis la diligenta homo por nia movada elvolviĝo. Symilde, malgraŭ la konstantaj reprezentaj postenoj en sia Esperanto-vivo,estis simpla persono kiu karese kaj tre afable akceptis ĉiujn, kaj en Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj en la plej mirindaj kaj luksaj eventoj de nia Movado, en Braziljo aŭ en Berlino aŭ kie ajn. Symilde estis kompetenta tradukistino, de la germana, de la franca kaj de la portugala. Ŝi redaktis dum jaroj, la oficialan organon de la Brazila Movado "Brazila Esperantisto", kaj la organon de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, "La Lampiro". Kvalitstilajn kaj tre kompetente verkitajn artikolojn ŝi produktis dum ŝia vivo. En la lokaj, regionaj, ŝtataj, kontinentaj kaj mondaj eventoj, ŝi estis konstanta kerno de laboro kaj organizado.

Ho, kiom multe ni el Amerika Komisiono devas danki al tiu nepriskribebla paro! Estas malfacile pensi pri ilia definitiva foresto, ĉar ili estis tiel konstanta inter ni, ke oni apenaŭ sentas ke ili ne plu estas. Kion fari?

Laŭ ilia propra recepto, ni ne haltu kaj ni funde laboru pro la bono de nia Esperanto-Movado! Tiel farante ni omaĝas tiun mirindan paron de veraj Esperantistoj.

---

## 6a Tutamerika Kongreso de Esperanto

**21a - 27a de marto 2004**
**Havano, Kubo**

**Bonvenon al Havano!**

Havano fariĝos denove ĉefurbo de Esperanto okaze de la 6a Tutamerika Kongreso, kiu sesios en Kubo de la 21a ĝis la 27a de marto 2004.

Pluraj aspektoj pravigas la elekton de Kubo por gastigi la 6an TAKE, inter ili la prestiĝo de Kuba Esperanto-Asocio kaj la sperto akirita dum 23jara ekzisto, dum kiu ĝi sukcesis okazigi diverstipajn internaciajn aranĝojn, kies kulmino estis la 75a Universala Kongreso en 1990. Krome, la jaro 2004 markas la centjariĝon de Esperanto en la insulo.

Por tiu speciala okazo Kuba Esperanto-Asocio sin preparas kaj pretas akcepti kongresanojn el nia regiono kaj ankaŭ el aliaj mondpartoj, kiuj certe estos tre bonvenaj kaj kontribuos, post la kongreso en Fortaleza, al la plifortigo de la E-agado en Ameriko.

Sub la temo “Kia Esperanto-Movado por Ameriko”, la kongresanoj ĝuos tutan semajnon de varia programo kun prelegoj, kunsidoj pri la amerika agado, rondaj tabloj, kulturaj vesperoj, ekskursoj kaj aliaj interesaj programeroj.

La Loka Preparkomitato de la 6a TAKE invitas vin veni al Kubo kaj Esperantumi en nia karibea insulo, kie Esperanto estas solida kaj matura kaj kompreneble oni organizos antaŭ- kaj postkongresojn por ebligi al ĉiuj partoprenantoj pli longan restadon en nia lando kun la ĉiama gastamo de la Kuba Esperantistaro.

Kiel TAKE-premieron ni organizos la 1-an Tutamerikan Infanan Kongreseton, kio ebligos al la certe multaj infanoj en la regiono konatiĝi kaj kunrestadi, dum la pliaĝuloj klopodas trovi rimedojn por ampleksigi la agadon.

Tiu ĉi kongreso estas parto de pli granda plano de KEA por plifortigi la komunan laboron en la kontinento kaj la rilatojn inter la amerikaj Landaj Asocioj.

En tiu kunteksto, ni planas organizi la 1an Tutamerikan Kulturan Festivalon (Santiago de Cuba, 2005), kaj la 2an Iberamerikan Konferencon "Esperanto '06'" - ankaŭ la unua okazis en la Kuba ĉefurbo en 1988 -, ĉifoje kun emfazo en la temoj “Esperantologio kaj interlingvistiko”.

**De kiam TAKE?**

La Tutamerikaj Kongresoj de Esperanto ĝuas tradicion de pli ol dudek jaroj. Post la du unuaj - sub la nomo Amerika Kongreso, kaj sen difinita ofteco, ekde la 3a TAKE okazinta en San José, Kosta-Riko 1996, tiuj eventoj reguliĝis ĉiun trian jaron laŭ geografia ordo: Centrameriko, Sudameriko kaj Nordameriko. Same en Kosta-Riko oni decidis nomi la kongresojn “tutamerikaj”. Rezulte de tiu decido, la 4a TAKE (1999) okazis en Bogoto kaj la 5a (2001) en Meksikurbo, kiu ne okazis en 2002, por eviti ĝian koincidon kun la UK en nia regiono samjare.

**Kia Esperanto-Movado por Ameriko?**

Ĉu la problemoj kiujn alfrontas la Landaj Asocioj en Ameriko estas la samaj kiel en Eŭropo? Ĉu la meza Esperantisto estas la sama? Ĉu ili alvenas al nia Movado pro la samaj interesoj? Kiel plialtigi la membraron? Kiamaniere helpi la Movadon en landoj kun burĝonaj asocioj? Kion alportas la kulturoj de niaj landoj al nia komuna trezorujo?

Jen kelkaj el la demandoj, kiuj provos trovi respondojn dum la Kongreso, pere de prelegoj, rondtablaj diskutoj, koridoraj aŭ ĉefakaj babiladoj, ktp.

Ni ĉiuj profitos el viaj ideoj kaj sugestoj!

Por pliaj informoj mesaĝu al iu ajn el la suba adresoj:

- kubesp@enet.cu
- diaznorberto@latinmail.com

Pliaj informoj estas ankaŭ haveblaj en la N-ro 9 de AktivAmeriko.

*Informoj prenitaj el:*

*http://www6.gratisweb.com/diaznorberto/bulteno6take.htm*

[konsultita la 7-an de junio 2003]

--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--

## Projekto KORE

*Kluba Organizado kaj Regiona Esperantigo*

KORE estas konstanta projekto de Amerika Komisiono de UEA cele al motivigo de la nunajn ekzistantajn klubojn kaj regionajn aktivulojn por helpi, aktive kaj kunlabore, la pligrandigon de Esperanto-Movado en sia loĝloko kaj regiono.

*Kial uzi KORE-projekton?*

Se oni sistemigas la diskonigan kaj instruan sistemon en komunaj bazoj, oni povas atingi la celojn plitrafe. La nunaj Esperantaj kluboj kaj la Esperantaj aktivuloj, multfoje, agas neprofesie kaj dise. Normale, oni ne informas kaj instruas la lingvon en adekvataj bazoj.

KORE emas helpi al tiu Esperantista homforto kun pli kompetenta kaj rezultdona sistemo. Oni klopodas labori por uzi modernan informadon kaj instruadon de Esperanto. UEA zorgas pri la informaj sistemigoj kaj ILEI pri la instruadaj konsiloj.

*Kiel uzi KORE-projekton?*

Unue, la regionaj aktivuloj/kluboj devas enskribiĝi pere de la adreso:

http://www.ameriko.org/kore

Amerika Oficejo de UEA (Braziljo, Brazilo) zorgos pri la aprobo de la submetitaj interesitoj. Due, post aprobo, la enskribito (klubo/aktivulo) respondecas pri la preparado de la plano por diskonigo kaj instruado de Esperanto en sia regiono. Trie, ni, el Amerika Oficejo kaj Amerika Komisiono de UEA, zorgos kaj helpos la regionaj KORE-projektestroj en sia laboro.

Pliaj informoj ĉe:

http://www.ameriko.org/kore

--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--

## Projekto NESTO

### Projekto por interreta instruado kaj disvastigado de Esperanto

NESTO estas konstanta projekto de Amerika Komisiono de Universala Esperanto-Asocio. La baza celo de tiu projekto estas krei lokajn kaj regionajn nukleojn de Esperanto-Movado en ĉiuj eblaj lokoj tra Amerika Kontinento. Ĝi uzas, kiel elektronikan longdistancan lernadon, la kurson de Esperanto, disvolvita de s-ro Carlos PEREIRA (Brazilo). Pliaj informoj pri NESTO ĉe:

http://www.ameriko.org/nesto

La projekto NESTO komencas fruktodoni. Kiel informite per dissendolisto de la Amerika Komisiono de UEA (http://groups.yahoo.com/group/amerika-komisiono-de-UEA/message/425) NESTO-instruistoj, jam estas 25 en ne pli ol unu monato de ekzisto, kaj la lernantoj komencas aperi el multaj landoj. Aldone al la dekomence 5-lingva kaj amerika propono, homoj el Eŭropo, Azio kaj Afriko jam sin proponas por lernado kaj instruado.

Daŭre estas bezonataj diverslingvaj instruistoj kaj Esperantistigantoj. Precipe homoj kiuj scipovas tiujn lingvojn de Kurso de Esperanto de Carlos Pereira (http://www.cursodeesperanto.com.br).Tiuj instruistoj, krom instrui kaj varbi por nia Movado, nun, devos ankaŭ propagandi, reklami, diskonigi Neston en sia regiono, tiel ke la projekto estu plidirekte diskonigita kaj tiel la Movado por arigu lernantojn kaj estontajn Esperantistojn.

Unu el la formoj fari tiun propagandon estas printi slipeltirajn propagandilojn kaj meti ĝin en bibliotekojn, falkultatojn, universitatojn, filozofiajn, religiajn centrojn, ktp, do ĉie kie oni povas diskonigi la Internacian Lingvon kaj ĝia Movadon.

Modeloj por tiuj propagandiloj estas ĉe:

*http://www.ameriko.org/nesto/anonco.html*

Tradukaĵoj de la propagandilo en diversaj lingvoj estas bonvenaj kaj mi aldonos ilin por elŝutado en tiu paĝo de la anonco de NESTO.

*Informo ellaborita surbaze de la menciitaj hejmpaĝoj.*

--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--•--

***Publika kunsido de Amerika Agado en la 88-a UK, Gotenburgo, Svedio***

*Vendredon la 1-a de aŭgusto, 11,00-12,30, Salono "Langlet"*

*TAGORDO*

1. Informi pri la nuna rolo de Antonio LEONI.
2. Salutvortoj.
3. Agado de la Oficejo de la Amerika Komisiono en Braziljo.
4. TAKE: stato de la organizado.
5. La Movado en Ĉilio.
6. La Movado en Usono: pri ELNA-Kongreso.
7. Esperanto, pasorto al la tuta mondo.
8. Instruprojektoj de la Komisiono: KORE kaj NESTO.
9. Seminario por instruistoj en Kubo.

---

## Novaĵoj:

Brazilo
Adonis SALIBA

*EASP kaj ĝia estonta laboro*

18-an de majo 2003 - Pli ol 80 homoj partoprenis la San-Paŭlan renkontiĝon. Ili venis el la diversaj kvartaloj el San-Paŭlo kaj apudaj urboj. Sociedade Cultural Língua Universal (SCLU) gastigis nin en ĝia bela kaj mirinda sidejo proksime al Avenuo Paulista. La malfermo de la evento estis farita de Adonis SALIBA (nuna EASP-prezidanto) kaj de prof. Marcos ZLOTOVICH (ILEI-BR sekciestro kaj prezidanto de SCLU). Cecila Milani legis senteblan salutmesaĝon de s-ro Atilio ORELLANA ROJAS kaj s-ro Joel Alfonso legis la mesaĝon de nia UEA-prezidanto Renato CORSETTI, kiu funde aprecas la laboron de Esperanto en Brazilo kaj invitas la sanpaŭlanojn al pli funda kaj efektiva laboro ĉe Amerika Komisiono kadre de projektoj KORE kaj NESTO. S-ro SALIBA faris prelegon emfazante la neceson ke ĉiu unuopa Esperantisto streĉe laboru por kreskigi Esperantistaron en nia regiono, surbaze de diskonigoj atente sekvantaj la manifesto de Prago. prof. Marcos ZLOTOVICH prelegis pri sia entrepreno, kiu ja estas sukcesa lingva instituto, kaj reliefigis ke Esperanto estas en liaj planoj por instruado, kadre de SCLU kaj ILEI.

La ĉeftemo de la evento estis "EASP kaj ĜIA ESTONTA LABORO". Antaŭtagmeze, por pli ol 2 horoj, ĉirkaŭ 50 homoj partoprenis la seminarion pri tiu temo. S-ro SALIBA parolis pri la estonta partopreno de EASP en projekto KORE kaj NESTO por fortigi la Esperanto-Movadon en San-Paŭlo kaj apudaj regionoj. S-ro José DIAS PINTO kaj s-ro Osvaldo Pires de HOLANDA parolis pri iliaj ideoj pri nia kreskiĝo, instruado kaj persistemo en la Esperantista kaŭzo. Oni disdonis slipetojn al triopoj da homoj, kiuj havis 30 minutojn por debati inter si la jenajn temojn: "Kiujn aktivecojn por EASP vi sugestas por la proksima jaro/por la proksimaj 5 jaroj?"; "Kion vi povas fari por EASP?"; "Ĉu EASP, surbaze de projektoj KORE kaj NESTO, povas kalkuli je vi?"; "Kion vi povas fari?". La homoj notis siajn sugestojn, komentojn kaj disponigojn de sia laboro al EASP cele al kreskigo de homfortoj por diskonigo kaj instruado en nia regiono. La rezultoj de tiu esplorado ni prezentos dum la Brazila Kongreso en Belo Horizonte. Tamen, estas interese konstati ke la homoj fakte interesiĝas pri siaj envolviĝoj en aktiva laboro por Esperanto. Oni jam povas antaŭvidi ke aktivigi niajn membrojn en kunordigita laboro, kiam ĉiuj povas disponigi sian laboron al Esperanto, ne nur motivigas ilin, sed multe helpas la fekundan laborsenton de nia regiona grupo. Dum la posttagmeza evento ni havis du interesegajn prelegojn. La temo "Konscio pri la bezonoj de Esperanto-instruado" estis mirinde farita de nia ILEI-sekciestro prof. Marcos ZLOTOVICH, kiu faris prezenton de la ILEI aktivecoj montrante ke li jam kontaktis 451 instruistojn de Esperanto en la tuta Brazilo kaj invitis ĉiujn partopreni ĉe ILEI-BR konferenco en la proksima 15a de Junio, kiam okazos 3-hora seminario pri "ESPERANTO kaj INTERRETO". Tiu ILEI-BR estis aparte elstara evento kiu okazis en kvinstela hotelo Cesar Park, en San-Paŭlo, aŭspiciata de la Neregistrara Organizo "Pro Esperanto Universala" fondusita de SCLU. prof. Marcos ZLOTOVICH ankaŭ lanĉis la libron "Católicos Esperantistas, a postos! - A Igreja à frente da causa da Língua Universal" (Katolikaj Esperantistoj, al batalpozicioj! - La pregejo favore al universala lingva kaŭzo".

Alia entreprenisto, Flavio Rebelo, kiel ĉiam polemika, disvolvis brile la temon "Profesieco kaj Entreprenemo en Esperanto". Li parolis pri nun-disvolviĝanta portalo ĝangalo, kiu furoras internaciskale tra la Esperantista mondo. Tamen li, kiel granda reĝisoro de tiu projekto, ne tute kontentas pri ĝia ankoraŭ preskaŭ milnombra partoprenantaro. Li tipe montris kiel nesatoplena entreprenisto devas agi. Malgraŭ la fakto ke lia sistemo ne estas la historie disvolvitaj de nia jarcenta Movado, oni ne povas ne diri ke li fakte malfermas tre interesan ekzemplon pri ebla

entreprenismo kadre de la Esperanto-Movado. En la dua etaĝo de la renkontiĝejo, okazis elementan kurson de Esperanto, direktita de s-ino Cecilia MILANI.

Nia taga renkontiĝo fermiĝis per treege kompetentaj artaj eroj, ni speciale citu la originalajn muzikojn kaj interpretadojn de Sonia SANCHEZ (kun lanĉotaj KD), la senteblajn kantoj de Calixto, ĉefe la omaĝan al paro LEDON. La teatraĵoj prezentitaj estis preskaŭ profesinivelaj kaj kaptoatentaj. La evento estis ja profesieca kaj spegulis la agoeblecojn, kiujn oni havas en nia regiono.

*Evento de ILEI-BR*

La evento de ILEI-BR estis mirinde bona. Ĝi okazis bunte ĉe Cesar Park Hotelo en San-Paŭlo, dum la tuta tago. Tre altkvalita kaj ni havas, dum la mateno, la prezenton de prof. Marcos ZLOTOVICH (sekciestro de ILEI BR) pri la Esperanto-instruistoj en Brazilo kaj liaj planoj trejnadi instruistojn por fronti la diskonigon de Esperanto en Brazilo en la proksimaj jaroj. Li nomis tiun projekton LEDON, omaĝe al ĵus forpasinta paro LEDON. Dum la mateno, tiu konferenco de ILEI-sekcio estis plene transsendita al la mondo pere de la reto. Ĝi atingis Danion, Germanion, Italion kaj Pollandon, kie homoj aŭskultis niajn prelegantojn de la mateno. Virtualaj partoprenantoj faris demandojn al la prelegantoj en plena reta kontakto. Tio estis farita por la unua fojo en Brazilo kadre de Esperantaj eventoj.

Prof. Marcos ZLOTOVICH ankaŭ fondis, dum la mateno, neregistraran organizaĵo (NRO) "Pro Esperanto Universala", kies celo estas krei vere ampleksan spacon en SanPaŭlo por trejnado de Esperantistoj cele al instruado de la lingvo, surbaze de la plej moderna metodiko kaj aparataro. Tiu NRO jam entenas sufiĉan monkvanton (donacita de la lernejo SCLU de prof. Marcos ZLOTOVICH) por agi ĉidirekten kaj oni devas sperti en San-Paŭlo kaj sudregionaj regionoj de Brazilo veran ampleksigon de la Esperantistaro. Ni atendu, ĉar prof. Marcos ZLOTOVICH certe multe surprizigos nin kaj la Movadon kun lia vera voloforto por antaŭenpuŝi nian lingvon al la plej aktivaj momentoj almenaŭ en tiu regiono de la mondo.

Dum, la posttagmezo, mi havis, por la unua fojo, la ŝancon prezenti prelegon (dum tri horoj) pri "Esperanto kaj Interreto" (pagita de la fondaĵo). Al mi estis disponigitaj la plej freŝmodernan komputilaron. Ankaŭ prelekis Atilio ORELLANA ROJAS (per interreto) pri la temo "Instruado de Lingvoj", donante mirindan virtualan aŭlon. Ĝi estis treege interesa prelego. Bedaŭrinde ne registrita de ni, pro manko de antaŭa preparo. Renato Corsetti ankaŭ eniris en la konferencon salutante la ĉeestantojn per bita filmo kun bildoj kaj sonoj. Mi, dum la restanta tempo, navigigis la homojn tra la ĉefaj paĝoj de interreto kaj pasis al ili mian sperton en la uzado de la reto. Mi mem ŝategis la sukceson de tiu interreta krozado kaj certe tiu estas nur la komenco de mirindaj ILEI-BR konferencoj. En la fino, la prelegantoj ricevis tre belajn orumitajn globkrajonojn de la Fondaĵo "Pro Esperanto Universala". Je la 17a vespere la spektakla konferenco finiĝis. Tiu evento montras la forton de la Movado en nia lando. Tamen, ni volas pli kaj pli.

*Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP)*

La 29-an de marto 2003 Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP) okazigis ĝeneralan asembleon por elekti novan estraron. Ĝi estis deviga pro la ĵusa forpaso de la paro Ledon, ĉar Symilde estis la prezidantino kaj Gilbert estis unu el la konsilantoj. La vakanta loko de la unua sekretario ankaŭ estis denove elektita. Tiu mandato estas nur ponta por finigi la nunan mandaton kaj ĝi daŭros ĝis la fino de ĉijaro kiam alia estraro estos voĉdonata.

La elektitaj estraranoj estis:

- Prezidanto: Adonis SALIBA
- 1a. Sekretario: Mariselle ZIMMERMANN
- Konsilanto: Genildo Martins COELHO

*Amerika oficejo en Braziljo*

Oficejo de la Amerika Komisiono jam funkcias denove, la telefonnumero estas +55 61 563 9812 kaj la retadreso, oficejo@ameriko.org. La antaŭa deĵoranto, s-ro Francisco MATTOS, pro familiaj kialoj ne plu povos helpi en la taskoj de la oficejo; la anstataŭantoj estas Sonia Maria ALVES LUCIO kaj Carlos MARIA, kiuj deĵoras ekde la 10-a de marto. La oficejo nun troviĝas ĉe Taguatinga Esperanto-Klubo.

KOSTA-RIKO
Jorge Antonio LEONI DE LEÓN

*Esperanto-kurso en la Universitato de Kosta-Riko*

Dum la unua semestro 2003 (marto-julio), s-ro Hugo MORA POLTRONIERI, elstara membro de la Movado en Kosta-Riko, oficiale instruis Esperanto-kurson en la Universitato de Kosta-Riko. Tiu kurso estas elektebla studobjekto por studentoj pri Beletroj, kalkulebla por la diplomiĝo kiel kroma kurso. Ĝi ekzistas jam de tri jaroj, en 2004, ĝi denove okazos en la unua semestro.

. . . . . . . . . . . .

PARAGVAJO
Deolinda VERA LÓPEZ

*Renaskiĝo de E-Movado en Paragvajo*

Resumo de mia laboro dum starigo de E-o en Asunción (Paragvajo):

Ĉio komencighis en majo 2000 kiam mi unuafoje kontaktigis grupeton kiu interesighis pri la afero.

1. En la 17 januaro 2002 mi translokiĝis el Rio (Brazilo) al la urbo Asunción (Paragvajo) kie mi instruis la Internacian Lingvon.
2. De la 15 februaro ĝis la 10 de aprilo mi instruis al Gloria kaj Ramón ISFRAN, Mateo MEDINA, Florentin GIMENEZ kaj aliaj membroj de Centro pri Filozofio Espiritista Paragvaja (CEFEP).
3. De la 18-a ĝis la 10-a de aprilo mi instruis ankaŭ al s-ino Cynthia Romina CARDOZO VERA, Yolanda Carolina SÁNCHEZ VERA, Hever Rafael SÁNCHEZ VERA, Rocío MontSerrat CARDOZO VERA kaj Hermes Rodrigo SÁNCEZ VERA, ĉiuj el la urbeto Capietá (proksime de Asunción).
4. Okazis evento por la publiko la 13-an de aprilo. Post unu semajno komenciĝis la kurso kiu daŭris ĝis novembro 2002.

Ĉi tiuj faktoj pruvas ke estas eble por aliaj e-istoj fari la samon en aliaj partoj de la mondo, kondiĉe ke estu bonvolemo, disciplino kaj amo.

PERUO
Julio ZEVALLOS GOMES

*Perua Esperanto Bulteno*

Perua Esperanto Bulteno denove aperas! Ĝia adreso estas: http://www.geocities.com/amikoj


**AktivAmeriko**

Novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko aperas dufoje en la jaro (junio kaj decembro)

Redaktoro

*Jorge Antonio LEONI DE LEÓN*
*✉: Apartado 7603, San José-1000, Kosta-Riko.*
*☎: +506 262 2853*
*🖷: +506 231 1138*
*💻: redaktoro@ameriko.org*

*UEA-komisiito por Ameriko*
*D-ro Adonis Marcelo SALIBA SILVA*
✉: R. Corinto, 543-apt, 81, São Paulo (SP), Brazilo.
☎🖷: +55 (11) 3725 1206
💻: ak@ameriko.org

UEA-KOMISIONO POR AMERIKO

*UEA-estrarano (Landa Agado)*
Michela LIPARI (Romo, IT)

*Kunordiganto de kontinentaj komisionoj kaj respondeculo pri Amerika Fondaĵo*
Atilio Orellana Rojas (Den Haag, NL)
fondaĵo@ameriko.org

Argentino
Rubén Sánchez (Neuquén)
argentino@ameriko.org

Brazilo
Maurício SIGNORINI P. De ALMEIDA
(São José do Rio Preto)
brazilo@ameriko.org

Ĉilio
José Antonio VERGARA (Puerto Montt)
ĉilio@ameriko.org

Dominika Respubliko
Rafael DESPRADEL (Santiago)
dominika@amerika.org

Honduraso
Elmer ESCOTO (San Pedro Sula)
honduraso@ameriko.org

Kanado
Richard PIPER (Québec)
kanado@ameriko.org

Kolombio
Ricardo CARRILLO CALDERÓN (Bogotá)
kolombio@ameriko.org

Kosta-Riko
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
kostariko@ameriko.org

Kubo
Juan Ramón RODRÍGUEZ (La Habana)
kubo@ameriko.org

Meksiko
Leandro GARCÍA (Oaxaca)
meksiko@ameriko.org

Usono
Natalie SERA (Reno)
usono@ameriko.org

Venezuelo
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)
venezuelo@ameriko.org


UEA-Komisiono por Ameriko